N-ro 1 - 2 - 3 Januaro, Februaro kaj Marto
1978-a 23-a Jaro




30-a INTERNACIA ESPERANTO-KONGRESO DE IFEF EN ROMO.
"DOMUS PACIS"
13-20 majo 1978
=====ooOoo=====

Provizora Programo:

Sabato 13/5. Akcepto de la gekongresanoj. Interkona vespero.
Dimanĉo 14/5. Matene: inaŭguro ĉe teatro "Universal". Mallonga teatraĵo fare de la knaboj de Cesena. Posttagmeze: Urba rondveturado.
Lundo 15/5. Kongreslaboroj. Vespere h.21: Teatra vespero kaj kantoj en Esperanto ĉe Teatro "Universal" fare de la knaboj de Cesena. Originalaj kantoj fare de Giorgio Molle. Eble muzika prezentado de milita fanfaro.
Mardo 16/5. Matene: vizito de la Vatikanaj ĝardenoj kaj muzeoj. Posttagmeze: libera tempo. Vespere h.21: internacia balo.
Merkredo 17/5. Kongreslaboroj. Vespere h.21: forumo.
Ĵaŭdo 18/5. Tuttaga ekskurso.
Vendredo 19/5. Kongreslaboroj. Fermo de la Kongreso. Vespere h.21: Urba rondveturado kun vizito al nokta klubo.

Postkongresa Programo:

Sabato 20/5: Tuj post la tagmanĝo ĉe "Domus Pacis" forveturo al Napoli per trajno. Rondveturado de la Urbo kun gvidisto. Vespermanĝo kaj tranoktado.
Dimanĉo 21/5: Vizito per aŭtobuso al Pompei (kun ĝiaj restaĵoj, al Amalfi (kie oni tagmanĝos) kaj al Sorrento. Reveno al Napoli kie oni vespermanĝos kaj tranoktos.
Lunde 22/5: Vizito per ŝipo al Capri. Vizito de la "Lazura Groto", de Anacapri (kie oni tagmanĝos) kaj de la Vilao San Michele.

Pliaj informoj:

La Kongresejo "DOMUS PACIS" estas normala kongresdomo kun pluraj pavilionoj por la dormoĉambroj kaj granda konstruaĵo kiu enhavas la enirejon, la manĝejon, la grandan salonon kaj la salonetojn por komisionaj laboroj. Krome, estas kapelo. Ĝi estas en Via di Torre Rossa n-ro 94. En la proksimeco de "Città del Vaticano", je la fino de "Via Gregorio VII°", de placo de "Villa Carpegna". De la centra stacidomo "Roma Termini", ĝi estas atingebla per la aŭtobusoj, unue n-ro 64 (kiun ni uzos tuj elirante de la stacidomo) ĝis la rivero "Tevere" laŭlonge "Corso Vittorio Emanuele"; malsupreniro je la fino de ĉi tiu strato, 25 minutojn da vojaĝo laŭ la trafiko. Poste n-ro 98 aŭ 98/ (barita), kiuj startas ĉe la dekstra flanko de la preĝejo "San Giovanni dei Fiorentini". Tiuj aŭtobusoj haltas ĉe "Domus Pacis" kaj la vojaĝo daŭras preskaŭ 15 minutojn (laŭ la trafiko). Per aŭtomobilo oni devas atingi la Ringkunligon (Raccordo anulare) kaj per "Via Aurelia" oni atingas placon de "Villa Carpegna" kaj la Kongresejon en Via di Torre Rossa n-ro 94. Oni povos parki en la kortojn de "Domus Pacis".

Pri la tuttagaj ekskursoj oni povas elekti laŭ propraj gusto kaj intereso. Eble la ekskurso b) al Viterbo-Bagnaia-Bomarzo, ne okazos pro manko da interesuloj. Do, la du samtempaj ekskursoj elekteblaj estos:

a) Etruska ekskurso: Cervéteri (legu Ĉerveteri), Santa Marinella, Civitavecchia (legu Ĉivitavekja), Tarquinia (legu Tarkùinja). Dum tiu ekskurso, laŭlonge la Tirena marbordo per vojo Aurelia, norden de Romo, estas vizitindaj: en Cervéteri (la antikva Caere) la Etruska Nekropolo; en Civitavecchia la haveno de Traiano, nun enŝipiĝo por Sardinio; Tarquinia kiu havas Etruskan originon kaj estis majstro pri civilizacio al Roma; Santa Severa kaj Santa Marinella, banlokoj ĉe la Tirena marbordo.
b) Tivoli kaj Romiaj Kasteloj: Tivoli (oriente de Roma) kun siaj famaj Vilaoj Adriana kaj Este; Frascati

(kiu donis la nomon al fama vino), Grottaferrata, Marino, Via dei Laghi, Ariccia, Castelgandolfo (kie estas la somera restadejo de la Papo); ĉiuj famaj lokoj en la tiel nomataj "Colli Laziali" aŭ "Albani" (Montetoj de Lazio aŭ Albani) kaj ĉe la famaj Albano kaj Nemi ( kie oni trovis la famajn romiajn ŝipojn).

Pri la fervojaj linioj por atingi Romon: ili estas jam publikigitaj sur "INTERNACIA FERVOJISTO". Itala proverbo diras ke "ĉiuj vojoj kondukas al Romo". Oni devas peti la fervoj-bileton, de la landlimoj ĝis Napoli (por la postkongreso), tra Roma.

Je la fino de la postkongreso, post la vizito al Insulo Capri, oni reveturos al Napoli per ŝipo. Trasportado al la stacidomo kaj reveturo, trajne al Romo, kiun oni atingos vespere.

GLUMARKOJ PRI LA 30-a IFEF-KONGRESO EN ROMO

La Itala Sekcio de I.F.E.F., komisiita de la L.K.K., pretigis aŭtogluantan dukoloran porokazan glumarkon kun la emblemo de la 30-a Internacia Fervojista Esperanto-Kongreso en ROMA (Italio).

La glumarkoj kostos po unu, italajn lirojn 50. Folioj da 12 ekzempleroj kostos italajn lirojn 500 (kvincent) inkluzive sendkoston. Povos esti menditaj ĉe la landaj sekcioj de IFEF aŭ rekte al: Germano Gimelli, Via Donato Creti, 61 I-40128 BOLOGNA (Italio). Poŝtĉekkonto n-ro 19336403 titolita al IFEA 40128 Bologna.

ARTFILATELAFOLIOJ ELDONONTAJ OKAZE DE LA 30-a I.F.E.F.-KONGRESO EN ROMO.

Por la filatelistoj kaj ankaŭ por aliaj interesuloj, okaze de la 30-a IFEF-Kongreso en Romo oni eldonos artfilatelafoliojn kiuj enhavos la emblemon de la Kongreso kaj mallongan historion de IFEF-Movado.

Tiuj artfilatelafolioj presitaj sur luksa papero kaj sur silko, ricevos la porokazan poŝtstampon de la kongreso kiu estos uzata lunde la 15-an de majo 1978-a. La artfilatelaj folioj havos formaton cm. 20x25 kaj sur ĝi oni povos alglui krom la poŝtmarkojn ankaŭ la glumarkojn de la kongreso.

## ESPERANTO EN LA LERNEJOJ EN ITALIO

Nia kursanino Prof-ino Lorena Armaroli, kiu instruas francan lingvon ĉe la Ŝtata mezgrada lernejo "A. Volta" en Bologna, ne nur lernas diligente nian lingvon Esperanton, sed profitas ĉiujn okazojn por disvastigi ĝian lernadon.

Nun ŝi instruas en sia lernejo, paralele al la franca lingvo ankaŭ Esperanton al kvindektri gelernantoj. Ŝi sukcesis ricevi flanke de la lernejestrino Prof-ino Rosanna Leproni, kontribuon por aĉeto de objektoj necesaj al instruado de Esperanto kaj krompagon por la horoj kiujn ŝi dediĉas al la instruado de Esperanto.

Tiu ĉi grava atingo igos la lernejon "Alessandro Volta" inter la plej progresintaj de Italio.

## INTERŜANĜO DE SALUTOJ EN KASETOJ

La Bologna Esperanto-Grupo "Achille Tellini" kaj I.F.E.A. pretigas magnetofonan kaseton kun salutojn, muzikoj, kantoj, poezioj, humorajoj, k.t.p., por intersanĝi kun aliaj grupoj eksterlandaj kaj enlandaj; tiusence ĉiuj kontaktoj estos bonvenaj.

Ni petas ĉiujn klubojn aŭ unuopulojn pretigu samspecajn salut-kasetojn por intensigi amikajn kontaktojn inter la geesperantistoj tra la mondo.

Sendu viajn kasetojn sonbendigitajn al Bologna Esperanto-Grupo "Achille Tellini", via Cartolerie n-ro 17/2^ I-40124 BOLOGNA (Italio), kiu tuj reciprokos similan kaseton por la daŭra internacia amikeco.

## SUNA-MARA INTERNACIA FERIO-SEMAJNO

La Fervojista Esperanto-Grupo de Reĝokalabrja (itale: Reggio Calabria) invitas ĉiujn esperantistojn partopreni internacian ferio-semajnon dum venonta julio sur la plej belaj mediteraneaj strandoj.

Reĝokalabrja estas urbo situanta ĉe la suda pinto de kontinenta Italujo antaŭ la insulo Sicilio. En ĝi aktivas jam kelkajn jarojn Esperanto-grupo, kiu nun, la unuan fojon, lanĉas internaciskalan agadon. Ĝi celas, interalie, renkontiĝi eksterlandanojn kaj lokajn esperantistojn. Jen la ĉefaj informoj:

- la feriosemajno okazos de la 24-a ĝis la 31-a de julio 1978-a. Ekzistas ebleco resti pli longe laŭ apartaj interkonsentoj kun la organizanto.
- loĝado kaj manĝado kostos po 12'000 italajn lirojn tage. Aliĝkotizo estas 5'000 italaj liroj. Apartaj interkonsentoj por landoj kun transpagaj malfacilaĵoj.
- la programo antaŭvidas sunajn-marajn banojn; debatoj kun lokaj esperantistoj, ekskursoj tra Kalabrio, kromaj distradoj estos aranĝataj laŭ la deziroj de la partoprenantoj.
- informojn kaj aliĝpetojn (ĝis la 15-a de majo) bonvolu sendi al: Fiume Domenico, Via S.Francesco, 86-D, I-89051 ARCHI (Reggio Calabria) Italio.

## 19-a I.F.E.S. EN HAMMERSBACH ĈE GRAINAU

La 19-a Internacia Fervojista Esperanto-Skisemajno okazis de la 11-a ĝis la 18-a de februaro 1978-a en Grainau "Haus Hammersbach" ĉe Garmisch-Partenkirchen (Germanio). La luksaj domoj kiuj gastigis nin, tre impresis je nia alveno, ĉar rilatas fakte al kvar domoj tre modernaj, la du ĉefaj kunligitaj per substrata koridoro kun du keglejoj. La tuto apartenas al la Sindikato de Germanaj Fervojistoj (GdED).

La 95 gepartoprenantoj el sep landoj, ĝuis bonegan familian etoson, flegitaj kaj amuzitaj de la germanaj kolegoj. Ni ne povas indiki la plej ĝentilaĵn inter

ili sed ni devas mencii la geamikojn ge-Weidacher, Elfriede Kruse, ge-Ritterspach kaj ĉiujn aliajn.

La dudeko da geamikoj kiuj restis la duan semajnon ĝuis·apartan familian sintenon ĉar ili preskaŭ ĉiam kunestis tage kaj vespere.

La "Haus Hammersbach" situas ĉe la samnoma stacio de "Zugspitz-fervojo" kiu kondukas de Garmisch ĝis la pinto de Zugspitze; kaj la impona pinto de la monto Zugspitze, alta 2966 metroj, gardas "nian domon". La vivo tie estis tre interesa kaj varia. Skiado, ski-kursoj, ski-konkursoj, kaj promenadoj por neskiantoj dumtage, kaj ĉiujn vesperojn surprizaj programoj.

Jam lunde vespere la junuloj de la Pariza Grupo prezentis "Orfeo kaj Eùridico", tre, tre bonhumoran komedieton kiu plezurigis la ĉeestantojn. Mardon vespere okazis la karnavala balo, kiun partoprenis preskaŭ ĉiuj, fantazie maskitaj; ĉiuj longe dancis dum muzikis amatora fervojista grupo.

Merkrede okazis aŭtobusa ekskurso en la Bavara neĝkovrita lando ege sunplena, kun celo viziti la faman "Neuschwanstein"-kastelon de Ludoviko la II-a, Reĝo de Bavarujo. Kvankam oni taksis lin kiel freneza, ŝajnis al ni ke li bone kapablis ĝui la vivkomforton kaj la belegan panoramon travideblan tra la fenestroj de la kastelo. Vespere okazis lingva konkurso kiu sub la gvidado de Gernot Ritterspach uzis novstilan manieron.

Ĵaŭde okazis la skikonkurso, kaj la neskiantoj fervore subtenis la diverskapablajn (komencantojn, progresintojn kaj spertulojn) konkurantojn. Vespero, aparte surpriza, ĉar grupo da fervojistoj el Garmisch frate vizitis nin kaj prezentis muzikojn kaj kantojn. Plie Hilaire kaj Denise Happy prezentis filmojn pri Kameruno kaj pri pasintaj kongresoj kaj skisemajnoj.

Vendrede vespere okazis la premiado kun posta dancado, ĝis post noktomeze. Ludis senlace amiko Alfred Gissibli el Garmisch, per akordeono kaj akompanis lin Egon kaj Goar per ĝitaro. Bedaŭrinde, estis adiaŭa vespero.

La dua semajno estis ankoraŭ pli intima kaj familia: ĉiutagaj promenadoj, grupe, kaj vesperaj babiladoj en

la "anguleto" kaj kegloj kaj kart-ludoj.

Fine ni adiaŭis unu la aliajn kun la promeso renkontiĝi denove, okaze de la 30-a Internacia Esperanto-Kongreso de IFEF en Romo (13-20 majo 1978) kaj al la venontaj skisemajnoj en Maria Alm (Aŭstrio) kaj Val Gardena.

## NEKROLOGOJ

P.i. Giovanni CARCIOTTO: mortis en Scandicci ĉe Firenze. Fervoja teknikisto ĉe la Trakcia Servo de Ŝtata Fervojo en Firenze. Li deĵoris ankaŭ en Trieste kie li esperantiĝis dum la jaroj 1957-58, kaj aliĝis al nia Asocio.

Nur nun,ni ekscios ke dum majo 1977-a mortis en Buenos Aires, malnova esperantisto Hugo J. CERETTI. Estis italdevena kaj vivis de longe en Argentino kaj de multaj jaroj estis membro de nia Asocio.

Giovanni GADDONI: forpasis en Casalecchio di Reno ĉe Bologna, la 18-an de julio 1977-a. Iama lokomotivisto, esperantisto de pli ol 25-jaroj. Li estis konata en la fervojista esperanto-medio kie li havis multajn gekorespondantojn. Estis Delegito de U.E.A. en Casalecchio di R.

Martino FAGGIOLI: mortis la 12-an de oktobro 1977-a en Bologna. Oficisto ĉe la elektra-fako de Ŝtata Fervojo en Bologna, li estis esperantisto de pli ol 20-jaroj kaj partoprenis en kelkaj IFEF-Kongresoj.

La 31-an de decembro 1977-a forpasis en Casale Monferrato en provinco Alessandria nia plej malnova membro: Angelo ZORATTI, emerita fervojisto, kavaliro de la ordeno "Vittorio Veneto". Pro sia konduto, dum la unua mondmilito, li ricevis honorigon. Li loĝis kaj deĵoris longe en Udine kie li estis disciplo de nia pioniro "Achille Tellini" kaj estis unu el tiuj italaj fervojistoj esperantistoj kiuj aktivis jam antaŭ la unua mondmilito.

Ni perdis kvin valorajn membrojn kaj kondolencas al la familioj. Ke ili ripozu en paco!

I.F.E.A. konservos al ili bonan rememoron.

==========

Malfruiĝintoj, IFEA atendas vian kotizon!

